4me Année, No 4. | 4a Jaro, 4a Numero. Decembro 1905 (No 40) | 4e Jaar, Nr 4.




**Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista » kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.**
**Aliĝinta al la Unuiĝo de la Perioda Belga Gazetaro.**

Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges Affiliés.
Affilié à l'Union de la Presse Périodique Belge.

Officieel orgaan van den «Belgischen Esperantischen Bond» en der Belgische aangesloten Groepen. — Aangesloten bij het Verbond der Periodieke Belgische Drukpers.

DIREKTORO : DOKTORO M. SEYNAEVE.
REDAKTORO-ADMINISTRANTO : J. COOX, DUFFEL (BELGUJO).

Prix des Abonnements :

| | | |
|---|---|---|
| Abonnement simple (*au moins 1 an*) | | 4,00 fr. |
| Avec inscription à la Ligue | au moins | 5,00 fr. |
| Membre protecteur de la Ligue avec abonnement (Voir Statuts p. II) | au moins | 10,00 fr. |
| Un numéro | | 0,40 fr. |
| Collections des trois premières années | chacune | 5,00 fr. |
| | pour l'étranger | 6,00 fr. |

Inschrijvingsprijs :

| | | |
|---|---|---|
| Enkele inschrijving (*ten minste 1 jaar*) | | 4,00 fr. |
| Met inschrijving in den Bond | ten minste | 5,00 fr. |
| Bond-Beschermer (maandschrift inbegrepen, zie Standregelen, p. II) | ten minste | 10,00 fr. |
| Een nummer | | 0,40 fr |
| De drie vorige jaren | ieder | 5,00 fr. |
| | Buitenland | 6,00 fr. |

ABONOJ : 4 fr. ĉiujare. — Unu no : 0,40. — Kolektoj de antaŭaj jaroj, ĉiu 6,00 fr.

La date initiale de l'abonnement est le 1r Septembre. — Si l'on s'abonne dans le courant de l'année, on reçoit les Nos de l'année déjà parus.

Het jaar begint den 1n September.— Indien men inschrijft in den loop des jaars, ontvangt men de vorige nummers.

*Adresser les abonnements, manuscrits, annonces, etc., à :* — *Sendu abonojn, manuskriptojn, anoncojn, k. t. p. al :* — *Inschrijvingen, handschriften, annoncen, enz., te zenden aan :*

Sro J. COOX, DUFFEL (Belgujo).

ENHAVO.
(Sommaire. — Inhoud.)



A.-J. WITTERYCK-DELPLACE.
IMPRIMEUR-ÉDITEUR
BRUGES. NOUVELLE PROMENADE, 4.
DRUKKER-UITGEVER
BRUGGE, NIEUWE WANDELING 4.

# Belga Ligo Esperantista

## Ligue Espérantiste Belge.

### COMITÉ D'HONNEUR

MM. DUBOIS, Directeur de l'Institut Supérieur de Commerce d'Anvers.
le D^r GASTER, Directeur de l'Allgemeine Deutsche Schule, Anvers.
le Sénateur HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
le Frère ISIDORE, de l'Institut Royal des Aveugles, Bruxelles.

## Belgische Esperantische Bond.

### EEREKOMITEIT

MM. le Sénateur LAFONTAINE, Bruxelles
J. MASSAU, Professeur à l'Université de Gand.
MOURLON, Directeur du Service Géologique de Belgique, Bruxelles.
O. ORBAN, Professeur à l'Université de Liége.
ERNEST SOLVAY, Bruxelles.

### COMITÉ EXÉCUTIF. | UITVOEREND KOMITEIT.

*Président* (Voorzitter) : M. le Commandant CH. LEMAIRE.
*Secrétaire Général* (Algemeene Schrijver) : M. le D^r M. SEYNAEVE, Heule-Courtrai.
*Secrétaire Administratif* (Bestuurlijke Schrijver) : M. J. COOX, Duffel.
*Membres* (Leden) M^lle E. LECOINTE, MM. L. BLANJEAN, Jos. JAMIN, L. JAMIN, VAN DER BIEST-ANDELHOF, D^r R. VAN MELCKEBEKE.

Pour tous renseignements, adhésions, envoi de rapports, etc., s'adresser au Secrétaire Administratif :

Voor inlichtingen, inschrijvingen, opzending van verslagen, enz., wende men zich tot den Bestuurlijken Schrijver :

**M^r J. COOX, DUFFEL.**

## EXTRAIT DES STATUTS.

ART. 1. — Il est fondé sous le titre de **Ligue Espérantiste Belge** (*Belga Ligo Esperantista*) une société des adeptes et des approbateurs de l'Esperanto en Belgique.

ART. 2. — La Ligue Espérantiste Belge a pour but de propager la langue auxiliaire internationale Esperanto, en dehors de toute question politique ou religieuse, et d'étendre les relations de la Belgique avec l'étranger.

ART. 3. — Pour atteindre ce but, la Ligue crée un fonds social pour aider les groupes Espérantistes, assurer l'existence de l'organe officiel de la Ligue, éditer et répandre des imprimés de propagande, organiser des conférences, des cours et des expositions espérantistes, et réaliser ou aider à réaliser tout projet qui, après mûr examen de la part du comité, aura été reconnu utile.

ART. 5. — Les cotisations des membres sont fixées comme suit :

*a*) Tous les membres de la Ligue paient une cotisation annuelle minima de 1 fr. ou versent une fois pour toutes une somme de 25 francs.

*b*) Les membres qui paient une cotisation annuelle d'au moins 10 francs, ou qui versent en une fois la somme de 200 francs, reçoivent le titre de *Membre Protecteur*.

*c*) Les membres, qui paient une cotisation annuelle d'au moins 25 francs ou qui versent en une fois la somme de 500 francs, sont nommés *Bienfaiteurs de la Ligue*.

Aux Membres Protecteurs et Bienfaiteurs la Ligue sert de droit l'organe officiel.

ART. 13. — La Ligue choisit comme organe officiel la revue *La Belga Sonorilo*. Cette revue est complètement indépendante de la Ligue.

Elle imprime les rapports, avis, communications et autres documents que lui envoie le Comité de la Ligue. Elle publie une fois les noms de tous les membres de la Ligue et dans chaque numéro les noms des membres du Comité d'Honneur.

## Uittreksel der Standregelen.

ART. 1. — Onder den titel «**Belgische Esperantische Bond**» (*Belga Ligo Esperantista*), is een Bond gesticht tusschen de personen welke in België het Esperanto beoefenen of goedkeuren.

ART. 2. — De Belgische Esperantische Bond heeft voor doel buiten alle politieke of godsdienstige strekking, de Hulpwereldtaal Esperanto te verspreiden en de betrekkingen van België met het buitenland te bevorderen.

ART. 3. — Om dit doel te bereiken sticht de Bond een geldfonds, ten einde de Esperantische groepen te helpen, het bestaan van het officieel blad van den Bond te verzekeren, allerhande propagandaschriften uit te geven en te verspreiden, Esperantoleergangen, voordrachten en tentoonstellingen in te richten, en alle ontwerpen welke na rijpe overweging van het Bondsbestuur voordeelig blijken, te verwezentlijken of aan de uitvoering ervan mede te werken.

ART. 5. — De bijdragen der leden zijn vastgesteld als volgt:

*a*) Alle leden betalen eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 1 fr. ofwel storten eens voor al de som van 25 fr.

*b*) De leden welke eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 10 fr. of wel de som van 200 fr. in eens storten, worden opgenomen als *Beschermleden*.

*c*) De leden welke eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 25 fr. ofwel 500 fr. in eens geven, verkrijgen den titel van *Weldoeners van den Bond*.

De *Beschermleden* en de *Weldoeners* ontvangen kosteloos van wege den Bond het officieel blad.

ART. 13. — De Bond neemt als officieel orgaan het blad «*La Belga Sonorilo*.» Dit blad is gansch onafhankelijk van den Bond.

Het neemt alle verslagen, berichten, mededeelingen en andere stukken op welke het van het Bestuur van den Bond ontvangt. Het kondigt eenmaal de namen aller leden af en vermeldt in ieder nummer de namen der leden van het Eerekomiteit.

4me Annee, N° 4. — 4a Jaro, 4a Numero. Decembro 1905 (N° 40) — 4e Jaar, Nr 4.




**Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista » kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj. Aliĝinta al la Unuiĝo de la Perioda Belga Gazetaro.**

Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges Affiliés. Affilié à l'Union de la Presse Periodique Belge.

Officieel orgaan van den «Belgischen Esperantischen Bond» en der Belgische aangesloten Groepen. — Aangesloten bij het Verbond der Periodieke Belgische Drukpers.

DIREKTORO : DOKTORO M. SEYNAEVE.
REDAKTORO-ADMINISTRANTO : J. COOX, DUFFEL (BELGUJO).

# BONAN JARON!



En la densaj, decembraj nebuloj baldaŭ griziĝos, svenos, neniiĝos la lasta taglumo de l' jaro 1905 ; ĉe la rozfuma horizonto, meze de fantazia, reva vidiĝo de flirtantaj iluzioj kaj esperoj, ekbrilos la unua sunradio de 1906. Kaj en tiu meza momento inter du periodoj de nia mallonga vivo, dum tiu transira paŝo el konata pasinto al nekonata estonto, pli akre, pli korpreme ni sentos la dolorigan impreson de tiom da tagoj je eterne dronintaj, kun siaj ridoj kaj ploroj, kun siaj feliĉoj kaj elraviĝoj, en la tempan oceanon; pli time, pli kortuŝe ni alrigardos la nuban malproksimon, ni penos ekkoni ĝiajn timindajn sekretojn, kaj, por plifortigi la animon, ni interŝanĝos kuraĝigajn dezirojn por reciproka feliĉo.

Bonan Jaron ! Feliĉan Jaron ! Jen ankaŭ la bondezira saluto, karaj legantoj, kiun, en tiu esperplena mateno, via fidela kaj jam iom malnova Esperanta Sonorilo, tra ĉiuj landoj kaj popoloj, alportos al via hejmo kaj ĝoje rediros ĉe via orelo kaj via koro ! Al vi, glora kaj tre amata Aŭtoro de nia lingvo ; al vi, niaj karaj jurnalaj kunfratoj ; al vi, unuaj aŭ novaj, sed ĉiuj kuraĝaj kunbatalantoj ; al vi ĉiuj, kiuj bonvolas aŭskulti ĉiumonate la modestajn sonojn de la BELGA SONORILO, al vi ĉiuj : « Feliĉan Jaron ! Sukcesan Esperantistan Jaron ! »

Povu la venonta jaro tre akceli la antaŭeniradon de nia lingvo ; ĝi povu, kiel la pasinta, alporti al nia entrepreno grandajn sukcesojn !

De la komenco de nia kvara jaro, tre multaj, belgaj kaj nebelgaj, amikoj sendis al ni entuziasmajn gratulojn pro la novaj ekstero kaj enhavo de la jurnalo. Ni uzu ĉi t un okazon por ilin tre danki pro tiuj laŭdoj kaj kuraĝigoj, kiuj tre puŝos nin senĉese plibonigadi la revuon kaj igi ĝin pli kaj pli interesa. Tion certe ni faros ; cetere, ĉu « *La Belga Sonorilo* » ne troviĝas, kune kun « *Lingvo Internacia* » kaj « *L'Espérantiste* », inter la tri plej malnovaj Esperantaj jurnaloj de la nuna gazetaro, kaj tial ĉu ne estas vera devo por ĝi montriĝi inda je tiu honoro ?

*LA BELGA SONORILO.*

# KRISTNASKAJ INFANETOJ.

**S^ro^ Paul André, artileria oficiro kaj profesoro de literaturo ĉe la Belga Milita Lernejo, estas jam tre konata kaj tre ŝatata verkisto franclingva. Kvankam tre juna — li estas nur 32-jara — li jam publikigis multajn romanojn kaj psikologiajn verkojn. Li kunlaboras en multaj literaturaj revuoj kaj tre distinginde direktas mem la revuon : « La Belgique Artistique et Littéraire » ; li estas ankaŭ tre ŝatinda paroladisto.**

**Jen estas ĉarma pentraĵeto pri « Kristnasko », eltirita el lia skizo : « Des Enfants » (Infanoj !)**

Patro kaj Patrino eliris.

Estas blanka nokto. Tre blanka, kvazaŭ pluve faladus bela hela luno sur la neĝon, per kiu la tero, la domoj, la arboj, ĉiuj anguloj kaj estaĵoj envatiĝis, malvarmetaj. Multaj anĝeloj el la Paradizo, scivolaj, deziris vidi tiun arĝentan mirteatraĵon kaj, tial, tiom da iliaj oraj okuloj malfermiĝis en la tuta ĉielo por rigardadi la brilegojn de la spaco kaj de la tero.

Patro kaj Patrino lasis solaj la geknabojn hejme. Oni kuŝigis ilin kaj morgaŭ, tre frue, ili povos admiri la trezorojn kiujn Patro Kristnasko alpendigos al ĉiuj branĉoj de l' Arbo. Tre zorgeme oni preparis la grandan abion en la ĉambro; ĝin ornamas la rozaj kaj bluaj kandeletoj, la oraj kaj arĝentaj vitroglobetoj, la ĝojigaj rubandoj. Ĉe l' mateno estos granda festo.

Alta ĉevalo fieriĝanta sur siaj rululoj, glavo kaj plumfaskoj por Willy; ĝentileta pupo per puntoj ornamita kaj lukse aranĝita kiel fiereta markizino, ilaroj, vestaĵetoj, gracieta mastraĵo por Lilly; orumita pulĉinelo kaj orbrila trumpeto por malgranda Boby: pri ĉio tio la geknaboj petis la malavaran Patron Kristnaskon.

La revo pri tiuj mirindaĵoj, pri tiuj dezirataj ludiloj kiujn ili esperas, kies plezuron ili jam sentas kaj ĝuas, malhelpas Lilly, Boby kaj Willy ekdormi. Poste kantoj de sonoriloj, malproksime bruantaj en la nokto, sonoriloj meznoktaj, sensaĝaj kristnaskaj sonoriloj, luladas ilian maldormon. Patro kaj Patrino, laŭ tio kion ili certigis, iris al la Diservo; la vartistino povas aŭdi nenion; kaj ĉu estas eble dormi kiam estas tiel hele kaj ĝojige en la nokto, tiel gaje en la koroj kaj la deziremaj imagoj de l' malgranduloj?

Boby unue leviĝas.

Poste ankaŭ Willy, kaj kune ili konvinkas Lilly.

Triope ili ne havas dudek jarojn.

Ili surprizos Patron kaj Patrinon kiuj revenos baldaŭ. La lumigilon oni ne estingis en la manĝoĉambro, en kiu staras sur la tablo la arbo, preta por ricevi la belajn donacojn. Granda fajro brulas ankoraŭ.

Senbrue, en mistera preparado, zorgeme fermante kaj malfermante la pordojn, mallaŭte parolojn murmurante, la geknaboj deiras kaj revenas, alportas la bezonatajn objektojn, sin alivestas, aranĝas la vidaĵon.....

Jam ofte Patrino rakontis pri la bela legendo kristnaska, pri la dia infaneto en la stalo, pri la tri reĝoj kaj la adorantaj paŝtistoj el Bethleem, kaj ili vidis la iluminatajn kristnaskajn manĝujetojn, kiujn oni aranĝis por la festo en la preĝejoj.

..... Surtere, amaso da pajlo, kelkaj ĝardenlaboriloj, sitelo, sakoj, antikvaĵoj, ĉio necesa por ŝajnigi kampan vidaĵon. Granda ĉevalo, kartona azeno, vere jam iom difektitaj, staras en tiu kvazaŭa stalo.

Boby, kun segilo sur la ŝultro kaj martelo montriĝanta el la poŝo, similas Jozefon, la ĉarpentiston; Willy, kiel paŝtisto, sin ludvestas per granda blanka drapo kaj per felo borderita per ruĝa flanelo, kiun li trovis kuŝantan antaŭ kanapo. Lilly estas la patrino de l' naskito, Mario kiu, ravita kaj sensaĝa pro feliĉo, genufleksas antaŭ sia plej granda kaj plej bela pupo, tute senvestigita, kiun ili kuŝigis en korbo kun kapkuseno, metita sur la pajlo. Kaj tiu malgranda kaj senforma Jezuo, tro roza kaj dikvanga ludilo, direktas al la plafono siajn diketajn, artefaritajn brakojn.....

La sonoriloj de longe silentis en la preĝejo. Sur la malmoligita neĝo, laŭlonge de la domo, oni aŭdas rapidantan paŝadon; pordoj malfermiĝas, fermiĝas. Oni jus festis Kristnaskon kaj la dian naskiĝon apud la iluminataj manĝujetoj.

Fine, Patro kaj Patrino ankaŭ reeniras hejmen, senbrue, tre atentante silenti por ne veki la karulojn.

En la ĉambro, antaŭ la ĉiam brila fajro kies flamoj kraketas, Willy, Lilly, Boby surgenuiĝas, seriozaj, senmovaj, admirantaj la malgrandan, tute nudan kaj branplenan Jezuon.

Malfermiĝas la pordo. Patro kaj Patrino, mirégantaj, rigardas la vidaĵon, iom haltas ĉe la sojlo de l' ĉambro kaj la geknaboj ekridante, kriante, leviĝas, alkuras en iliajn brakojn... Sed ili subite ekstaras senmove. Antaŭ ili, tre ĝenataj, Patro kaj Patrino estas ŝarĝataj, premataj de skatoloj kaj pakoj, kaj Lilly, Willy, Boby ekvidas, tuj alpendotajn al la arbo jam tute beligita per helaj floroj kaj arĝentaj kaj oraj vitroglobetoj, la grandan ĉevalon, la glavon, la plumfaskojn, la puntornamitan pupon, la brilan pulĉinelon kaj la trumpeton.

Kial do ne estas Patro Kristnasko kun sia neĝa barbo, sia stelplena mantelo kaj sia ora ĉapo, kiu malsupreniras laŭlonge de la kamentubo, por disdoni siajn donacojn al la bonaj infanoj?

PAUL ANDRÉ.

Kun permeso de l'aŭtoro tradukis

D^ro^ M. SEYNAEVE.



# DIVERSAĴOJ.

**La kiraso Benedetti.** — La elpenso de l' kafeja kelnero Benedetti naskis siatempe tro da bruo kaj famo kaj tial ne estas necese longe rememorigi pri ĝi: la sagaculo certigis ke li elpensis kirason kiun ne povas trabori la kugloj; multaj eksperimentoj, publike faritaj, ŝajnis firmigi la verecon de tiu certigo sed la elpensinto tre zorgeme kaŝis la sekreton. Sed tiun sekreton oni ĵus ekkonis kaj la rakonto pri tio estas iom amuziga.

Jen efektive kion raportas la italaj ĵurnaloj:

En la komenco de la rusa-japana milito, Benedetti proponis al la rusa registaro fabriki por la rusaj soldatoj la elpensitan kirason, kiu igus ilin nevundeblaj. La rusa ambasadoro en Romo estis komisiata interligi rilatojn kun li; rusaj militaj delegitoj ĉeestis eksperimentojn kiuj ŝajnis al ili nepre certigaj, kaj fine Sro Kolonelo de Muller subskribis kun la Societo de l' « Monopolo Benedetti » traktaton por mendi 100.000 kirasojn, el kiuj 10.000 estis liverotaj en aŭgusto 1904. Per tiu traktato, Benedetti kaj liaj kunuloj facile ricevis de Milana banko prunton da 70.000 liroj.

Sed jam iom diskoniĝis la tuta entrepreno kaj la japana ambasadoro baldaŭ eksciis ĝin. Oni divenas la rezultaton: oficiala plendo al la itala registaro kaj, sekve de tio, malpermeso al Benedetti liveri la menditajn kirasojn al la rusa armeo.

Sed tio ne estis grava malhelpo: la direktoroj de la « Monopolo Benedetti », ne forgesinte ke ili naskiĝis en la klasika patrujo de la « *combinazione* », senŝanceliĝe proponis siajn kirasojn al la japana ambasadoro, kiu konsentis aĉeti ilin.

Siavice la Rusoj laŭte protestis kaj plie, ĉar ili pruntedonis iom da mono, plendis pri monŝtelo. Kuraĝigite de tiu ekzemplo, la Milana Banko postulis per la juĝistoj tujan redonon de l' 70.000 pruntedonitaj liroj.

Benedetti do kaj liaj kunuloj devis aliri la juĝejon kaj pledadi. Sed la italaj juĝistoj estas scivolaj, eĉ tiel scivolaj ke ili ne kontentiĝis je la eksperimentoj kiuj kontentigis la rusajn kaj japanajn oficirojn, kaj postulis detalan ekzamenadon de la kiraso. La rezultato estis terura.

Benedetti neniam konsentis ke oni plene, nepre detale ekzamenu la aparaton: kiam oni minacis lin je tuja aresto, li devis konsenti kaj ĝin montri al militaj ekzamenistoj, kiuj, ĝin vidinte, subite ekridegis: la aparato estis sagaca falsaĵo, ĉiuj faritaj eksperimentoj estis trompaĵoj kaj la fama elpenso, kiel skribis la ekzamenistoj en sia oficiala raporto, estis nur *una solenne turlupinatura*, — grandega ŝerco!

La tutan entreprenon solvis do la juĝistoj. *Sic transit gloria mundi!*

**La uzado de l' tabako.** — La statistika fako de l' Komerca Oficejo en la Unuigitaj Ŝtatoj ĵus publikigis tre interesan verkon en kiu oni montras la uzadon de l' tabako, po unu loĝanto, dum ĉi tiuj lastaj jaroj, ĉe ĉiuj eŭropanaj landoj. Jen estas tiu tabelo:

| | | |
|---|---|---|
| Belgujo. . . . . . . . . . | 2.817 | gramoj |
| Unuigitaj Ŝtatoj . . . . . | 2.389 | — |
| Germanujo . . . . . . . | 1.560 | — |
| Aŭstrujo . . . . . . . . | 1.370 | — |
| Kanado. . . . . . . . . . | 1.243 | — |
| Aŭstralujo . . . . . . . | 1.175 | — |
| Hungarujo . . . . . . . | 1.098 | — |
| Francujo . . . . . . . . | 980 | — |
| Anglujo . . . . . . . . | 885 | — |
| Rusujo . . . . . . . . . | 499 | — |
| Italujo . . . . . . . . . | 476 | — |

Estas rimarkeble ke la uzado de la tabako ĉe la diversaj popoloj estas ĉirkaŭe malparalela je la grandeco de l' impostoj, difinitaj por ĝi. La plej malgrandajn impostojn estigis Belgujo, la plej grandajn Italujo. Aliparte, oni konstatas ke, en la landoj en kiuj la uzado estas tre malsama, ekzemple Anglujo kaj Unuigitaj Ŝtatoj, la enspezoj fiskaj estas ĉirkaŭe la samaj, pro la malsameco de l' impostoj: tio ne kuraĝigos la registarojn pligrandigi aŭ malpligrandigi tiujn impostojn ĉar la rezultato ne ŝanĝos. Fine, el tiu tabelo oni konkludas ankoraŭ ke la plimulto de l' popoloj ne uzas tabakon: verŝajne, maksimume kvarono da ili.

Ĉi tie do la malgrandaj Belgoj staras ankoraŭ sur la unua rango: sed nedezirinda estas tia honoro.

**Mortigu la muŝojn.** — De kelkaj jaroj kuracistoj eltrovis ke kuloj estas la disvastigiloj de la malario kaj de la flava febro. Efektive kiam oni malpliigas la naskon de tiuj dipteroj, ĉu detruinte, ĉu superverŝinte per petrolo la marĉajn lagetojn, en kiuj la kuloj demetas siajn ovojn kaj kie vivas la larvoj, tiam oni malpliigas samtempe la nombron de malsanuloj en la ĉirkaŭaĵo.

Sciencaj revuoj certigas ke la muŝoj estas disvastigiloj de infektaj malsanoj kaj interalie de la ĥolero, ne malpli timindaj ol la kuloj. Tio klarigus kial dum la vintro, kiam la muŝoj estas mortigitaj, la disvastiĝo de la ĥoleraj epidemioj malkreskas. Sinjoroj Chantemesse kaj Borel, infektinte la rostron, la krurojn kaj la intestan enhavon de muŝoj per la ĥolera viruso, sukcesis prepari el ili mikrobajn kulturojn post 17 horoj.

Okazas iafoje ke muŝoj ensorbas la viruson de la karbunkolo, ĝin inokulas al homoj kaj kaŭzas per tiu infekto ilian morton post mallonga interspaco. Povas ankaŭ okazi ke tiuj insektoj transportas tuberklozajn bacilojn kaj produktas tuberklozon de la haŭto.

Cetere oni scias ke la muŝoj avide serĉas malpuraĵojn kaj putraĵojn ĉu por sin nutri ĉu por demeti tie siajn ovojn. Ne estas do mirinde ke kiam oni ekzamenas per mikroskopo iajn partojn de muŝo oni vidas, interalie sub la flugiloj, aron da parazitoj kaj da mikroestaĵoj kiuj tie ekloĝis.

Tiuj muŝoj, eniĝinte en niajn domojn, ne nur malpurigas nian meblaron, elektante kutime la plej glatajn kaj plej brilantajn objektojn, sed ŝajnas ĝui ŝatindan plezuron uzante niajn nutraĵojn kaj frandaĵojn kiel tualetejon. Kiu ne vidis tiujn malpurajn bestetojn kiam, lokiĝinte sur sukeraĵon kaj festeninte sufiĉe, ili brosas al si la ventron kaj la flugilojn per la kruroj? Nu, dum tiu agado ili infektas la nutraĵojn kaj sukeraĵojn demetante sur ilin siajn malagrablajn gastojn kaj mikrobojn, kiuj povas kaŭzi gravajn malsanojn ĉe la personoj kiuj manĝos tiujn nutraĵojn.

Kiel abelo, de floro al floro flugante, transportas la vivigan florsemon, tiel ankaŭ muŝoj kaj kuloj transdonas mikrobojn kaj virusojn de timindaj malsanoj.

Ni klopodu por ŝirmi nin kaj niajn nutraĵojn kontraŭ tiuj atakoj kaj ni serĉu rimedojn por forigi aŭ mortigi la infektigajn insektojn.

Estas kiel eble plej dezirinde kaj utile ke la kompetentaj estraroj — en nia lando la Higienaj aŭ Medicinaj komitatoj — ellaboru regularon laŭ kiu en ĉiuj vendejoj aŭ magazenoj de nutraĵoj oni uzu muŝkaptilojn.

Dro R. V. M.

**La aŭtomobilo kaj la Ftizo.** — La aŭtomobilo, kiu fariĝis tre grava dum ĉi tiuj lastaj jaroj pro la rapidaj perfektiĝoj de siaj iloj, estis alportonta sian kunhelpon al la kuracarto. Soj Droj Blanchet kaj Mouisset pristudis antaŭ nelonge ĝian agadon sur la ftiza organismo. Laŭ tio kion certigas tiuj scienculoj, unu el la unuaj rezultatoj, akiritaj de la ftizulo praktikanta tiun veturmanieron, estas ia disciplino de la tuso.

La malsanulo havus dum la vojaĝo la spiriton tiel okupatan, ke li ne plu sentas emon por tusi.

Aliparte, la oksigeniĝo estas evidente pli bona dum promenado ol en ĉambraro aŭ eĉ dum ripozo en plena aero. Sekve la apetito pliboniĝas kaj ankaŭ la dormo. Sed por akiri tiujn rezultatojn, estas dezireble ĉiam konservi moderan iradon, ne superantan tridek aŭ kvardek kilometrojn. Per pli rapida irado, la sennerviĝo anstataŭas la kontentecon kaj laciĝas la malsanulon.

Taŭgas ankaŭ eviti la polvajn vojojn, la malsekajn veterojn kaj ne forlasi racian kuraciĝon, kies efikoj estos kiel eble plej rapidaj kaj bonaj per la aldono de higienaj ekzercoj. Fine devas sin deteni veturi aŭ marŝi la malsanuloj, kies temperaturo atingas ĉirkaŭe 38°.

Dro L.

(El « *Le Foyer Médical* »).

**Pri kongresoj.** — Oni ja povas diri ke ni vivadas en la centjaro de l' kongresoj. Tial, ne ŝajnos senutile raporti ke Dro Northrup, el la Akademio de New-York, verkis por la kongresamantoj vicon da praktikaj reguloj, kiujn bone resumas la jenaj frazetoj:

1) Forstreku la antaŭparolon kaj komencu tie kie vere komenciĝas via temo. « *In medias res* » diris Horaco.

2) Ne longe parolu pri Hippokrato kaj Galiano: jam de longe ili mortis kaj ilia opinio iom maljuniĝis.

3) Densigu la ĉefan parton de via komunikaĵo.

4) Finu tie kie vere finiĝas via temo.

Mi ne memoras pri tiu kiu skribis en Francujo:

« Por verki, oni devas 1) koni ion pritraktotan, 2) ĝin pritrakti, 3) halti kiam oni ĝin faris. »



STATUO DE L'FLANDRA POETO K. L. LEDEGANCK EN EEKLOO.

# LEDEGANCK.

**Pro la centa datreveno de l' naskiĝo de unu el la plej gloraj flandraj poetoj, Ledeganck, n publikigas mallongan biografion kaj fragmenton el la ĉefverko de l' poeto.**

Karel Lodewijk Ledeganck naskiĝis en Eekloo la 9an de novembro 1805. Lia patro estis instruisto tro malriĉa por doni al siaj ses infanoj zorgitan edukitecon: Karel Lodewijk fariĝis oficisto en la urbodomo. De sia patro, Ledeganck heredis sian seriozecon, kvietecon, lernemecon; de sia patrino, sian senton plenan animon. Dum siaj liberaj horoj la juna Ledeganck ekverkis poeziaĵojn. Tiutempe, la flandra literaturo, pro ducentjara senlibereco de l' lando, ekzistis nur en la Retorikaj Ĉambroj kun iliaj poeziaj konkursoj, kie regis filozofia, amfatika, rigida stilo, imitaĵo de l' Holandaj verkistoj de la 17a kaj 18a centjaroj, konsiderataj kiel solaj sekvindaj modeloj. Nia juna poeto diversfoje gajnis premiojn en tiuj konkursoj per same klasikstilaj verkoj. Tamen, jam en kelkaj el tiuj versaĵoj, Ledeganck montris naskiĝantan talenton, kaj lia konatiĝo kun la nova romantika skolo, kies riprezentantoj estis Scott kaj Byron en Anglujo, Wieland, Schiller kaj Goethe en Germanujo, kaj Lamartine, Hugo kaj De Musset en Francujo, skolo, kiu influis favore, « junige » sur ĉiuj naciaj literaturoj, tiu konatiĝo influis ankaŭ multe sur la poezia sento de Ledeganck. De nun li forlasas sian rigidecon kaj donas plenan liberecon al siaj sentoj. Kiel li diras mem, en la antaŭparolo de sia unua aro da poezioj: « Originaleco ĉiam estis mia celo, kortuŝeco ĉiam mia fonto ».

Kaj de tiam li skribis ĉu originalajn verkojn, ĉu tradukojn el kelkaj el siaj romantikaj estroj, rimarkindajn forme pro dolĉa belsoneco, beleco de stilofiguroj, kaj funde pro sentopleneco.

En 1846, li publikigis sian nemorteblan ĉefverkon: « *La Tri Fratinaj Urboj* », en kiu li prikantas la sorton de Gento, Bruĝo kaj Antverpeno, kaj kies titolo tiel alligiĝis al la nomo de l' poeto mem, ke la elparolo de unu tuj pensigas al la alia; kaj tiu verko tiel trafis la spiriton de liaj samtempuloj, ke diversaj versoj fariĝis kaj estas ankoraŭ popularaj eldiroj.

Por kompreni la signifon de Ledeganck en la flandra literaturo, oni rememoru, ke dum la unua duono de l' XIXa centjaro, la tuta flandra literaturo tiutempa resumiĝis en kelkaj malnovaj moralaj-religiaj verkoj de l' Retorikuloj. La nacia amsento al la lingvo dormadis, preskaŭ mortis kun la nekulturita, dialektforma lingvo mem. Sed post 1830 montriĝis tri homoj kiuj vekis Flandron el ĝia dormado: Jan-Frans Willems, la patro de l' Flandra Movado, Conscience, la nelacigebla rakontisto kiu « instruis la legon al sia popolo », kaj Ledeganck, kiu revivigis ĝian koron kaj ĝian sentemon. Kaj tuj post ili ekaperis aro da batalantoj, prozverkistoj kaj poetoj, kiuj daŭrigis la « bataladon por la lingvo nacia ».

Ledeganck ne verkis tre multe, ĉar kiel li mem diras: « La literaturo estas por mi nur ripozokupo post pli seriozaj laboroj », kaj tiuj laboroj estis unue lia memlernado de l' lingvoj franca, angla kaj germana, kaj ankaŭ greka kaj latina; poste, lia leĝoscienca studado tre malfacila, ĉar la junulo malriĉa piediris somere kaj vintre, dufoje ĉiusemajne, de Eekloo al Gento por alesti la lecionojn; tiu studado, inspirita de lia dezirego al scienco, feliĉe sukcesis en 1835 per « doktoriĝo en leĝoscienco »; poste, li fariĝis lerneja iuspektoro kaj entreprenis grandegajn leĝosciencajn laborojn.

Tiu senhalta laborado estis detruiga por lia malforta sano kaj tiu genia poeto mortis en Gento, la 19an de marto 1847, pro brusta malsano, lasante vidvinon kaj tri infanojn. — La danka posteularo ne forgesis sian grandan kantiston: en 1897, oni feste starigis lian statuon en lia naskiĝurbo Eekloo, kaj, dum la nuna vintro, diversaj flandraj urboj — kaj inter ili la tri fratinaj urboj Gento, Bruĝo, Antverpeno — rememorigis per solenaj festoj la centan datrevenon de l' naskiĝo de Ledeganck.

KAROLO-PAŬLO.

# AL BRUĜO

**Fragmento el la ĉefverko de Ledeganck: « La Tri Fratinaj Urboj », eltirita el la verko: « Paĝoj el la Flandra Literaturo » de D^roj M. Seynaeve kaj R. Van Melckebeke.**

« Kiu virgulinon senvivan
Iam vidis, jus post la morto,
Antaŭ ol Fingro de l' Neniigo
Trajtojn difektis belajn kaj ĉastajn,
Tiu ekmiris kiel anĝele kaj dolĉe,
Sur la vizaĝo, montras sin paco senfina;
Kaj se okulon tiun senbrilan, senmovan,
Kaj se la vagon per la funebro kovritan
Li ne ekvidus, de la doloro premate,
Longe li dubus. Tiel kvieta kaj duba
Ŝajnas la morto kun la ekstero de l' vivo:
Kaj tiel vidiĝas tiu marbordo! »

Tiel kantis l' Angla Rapsodo (1)
Kiam, sub la suno Hellada,
Akre plendante gloron pasintan,
Li Grekolandon vidis senviva.
Tiel malĝoja, tiel ploranta kantado
Premas min kiam murojn la viajn mi vidas,
Ho vi, de longe urbo plej multe glorita!
Signojn ankoraŭ de nobeleco vi portas,
Brilon de glor' antikva vi havas ankoraŭ,
Sed vin premegas forte la mano de l' morto:
Kaj ĉe vi Bruĝon belan mi vidas ankoraŭ,
Sed Bruĝon vivantan mi plu ne trovas!

Kial kuŝas vi nun ankoraŭ
En la glora flandra ĝardeno,
Dum, la majestan kronon perdinte,
Vi belulino ŝajnas lasita?
Kion utilas ke, nun ankoraŭ, vi Maron
Vidas, se ŝipoj fremdaj vin plu ne salutas?
Kion utilas stratoj riĉegaj kaj larĝaj,
Se jam de longe ilin forlasis la vivo,
Kaj se la herbo ilin jam tute kovradas?
Kion utilas viaj belegaj domegoj,
Se malfermiĝas ties pordegoj neniam
Ho, kvazaŭ en ĉiu estus mortinto!

Kial staras temploj riĉegaj,
Kiam viaj grafaj geedzoj
Tie en kupraj tomboj kuŝadas (2)
Kvazaŭ glorante vian pereon?
Kion utilas ke vi plej artajn trezorojn
Montras, dum vin de longe forlasis la Arto?
Kion utilas fama belec' de virinoj
Viaj, dum ili fremdan vantecon kaj fremdajn
Gestojn al amindeco flandrana preferas?
Kion utilas ke de la lipoj ankoraŭ
Ili fluigas dolĉe la lingvon gepatran,
Dum ili preferas fremdan lingvajon?

*(Tiam la poeto longe priskribas la iaman gloron de Bruĝo kaj, aljuĝante ĝian pereon al mortiga influo de l' francaj lingvo kaj moroj, daŭrigas:)*

Tiam oni vin gloregadis
Kiel flandran floron plej belan;
Tiam, de ĉiuj urboj reĝino,
Kronon majestan vian vi portis,
Kaj komercurboj ĉiuj en Mondo-Malnova
Al vi alportis sian gefratan saluton.
L' urbo de l' Doĝoj, la fianĉino de l' ondoj,
Sola kuraĝis vian prosperon imiti.
Tiam vi trovis fonton de gloro en vi mem;
Tiam vi pruvis ke ĉe ni Lumo naskiĝi
Povas; kun ĉiuj reĝe vi tiam rilatis;
Vi estis, ho Bruĝo, granda! — sed nune!

Nun, ho nun vi estas plorinda!
Tion korpremate mi diras:
Akraj sen ploroj povas neniu
Vera Flandrano vin rigardadi,
Ĉar vi, de tiam, ombro ridinda fariĝis.
Kio do kaŭzis tiun malĝojan ekziston?
Vin ne deĵetis ia terura milito,
Vin ne deĵetis bato de l' dia kolero,
Sed, ve! la senton de memstareco kaj vian
Flandran esencon vi senatente forpelis
Kaj al brilaĵoj fremdraj vi ĉion oferis; —
Kaj tial vi estas vere plorinda!

Tial via regno perdiĝis,
Kiel fruktoriĉa kamparo,
Kiun vivigis beno ĉiela
Dum la kampestro mem ĝin kulturis,
Sed kiun fremda semo kaj lolo mortigis,
Kiam zorgadon lian ĝi ne plu ricevis.
Tial la dormo de la mortintoj vin premas
Kiel fraŭlinon kiun premadas ornamoj
Fremdaj, pelantaj de ŝi la florojn de l' vivo.
Ho, se ebliĝus dubo! se tiu teruro
De l' ĉirkaŭanta tombo fariĝus verŝajna,
Ne vera! ho, se dormanta vi estus!

*(La poeto, ektrovinte novan esperon al baldaŭa reviviĝo de l'antikva urbo, admonas ĝin reveni al ĝia flandra esenco kaj fine:)*

Se vi ne atentus je tio,
Ho, rapide tiam vi mortus!
Via ekbrilo estus radio
Lasta de l' suno tuj kuŝiĝonta,
Kaj vi fremdulo en la patrujo fariĝus,
Kiel malriĉa kampo en flandraj paŝtejoj.
Sed ne......, vidinte kiel agadis la avoj,
Via idaro tiun ĝenion imitos,
Celos per sia virto natura la gloron
Kaj vin briligos per nemortonta brilado;
Tiam ĝi vidos Bruĝon ne sole belegan
Sed ankaŭ, denove, Bruĝon vivantan!

*Tradukis* D^ro M. SEYNAEVE.

(1) Vidu « Giaour » de Lord Byron.
(2) Aludo al la belegaj kupraj tomboj de « Charles-le-Téméraire » kaj « Marie-de-Bourgogne » en la ĉefpreĝejo de Bruĝo.

# FRANCA-FLANDRA FAKO.

## Les Bâbis et l'Esperanto.

Il y a quatre-vingt dix-neuf chances sur cent pour que vous ignoriez ce qu'est un Bâbi. Et si vous n'en avez jamais entendu parler, c'est que vous négligez de lire le « Mercure de France ». Je ne vous en ferai d'ailleurs aucun reproche, car la plus ancienne revue de Paris n'est pas toujours intéressante à parcourir ....

Cette fois, cependant, vous avez eu tort de n'en point faire l'acquisition. Vous auriez aperçu dans son numéro de novembre une curieuse étude de Mr Sébastien Voirol, intitulée « Chez les Bâbis » et qui valait la peine d'être lue....

Puisque vous n'en avez rien fait, je vous dirai tout de suite que les Bâbis sont des Persans, qui professent le Bâbisme, c'est à dire la doctrine instituée par Mirza Aly Mohammed, séide descendant en droite ligne de la famille du Prophète, qui naquit près de Chiraz le 20 octobre 1819, et qui fut appelé Bâb, c'est-à-dire Porte, Introduction ou Précurseur.

La nouvelle doctrine, qui s'éloignait sensiblement de l'Islamisme,ne se propagea pas sans être persécutée. Le Bâb lui-même fut mis à mort sur l'ordre du gouvernement persan, le 9 juillet 1850.

Cependant, la secte ne s'éteignit point. Mirza Houssein Aly, dit Beha'oullah ou la Splendeur de Dieu, en devint le chef spirituel. Ses manières aimables et courtoises plaisaient,paraît-il, à tous, à tel point qu'elles lui attiraient de nombreux fidèles, jalousés, comme on pense, par les prêtres musulmans. Beha'oullah dut quitter la Perse pour s'établir à Bagdad, puis, successivement, à Constantinople, à Andrinople, enfin à Saint-Jean d'Acre en Syrie où il arriva avec ses partisans en 1868. Il y mourut en 1892, laissant un fils, Abbas Effendi, âgé aujourd'hui de 59 ans, et appelé « Le Maître. »

Le Maître est un sage. « Des étrangers, dit M. Voirol, qui n'ont jamais voulu croire à sa mission divine, se sentent attirés vers lui et reconnaissent dans sa parole un pouvoir surnaturel ». Le professeur Edward Browne, de l'Université de Cambridge, parle de lui en termes émus et enthousiastes. M. Voirol, qui fut initié à sa doctrine, le représente comme un beau vieillard à la barbe blanche,... aux cheveux blancs, comme le sont aussi ses vêtements et son turban. Il vante ses yeux très beaux, profonds et étincelants tout ensemble, sa voix extrêmement douce et captivante.....

— Comme les rayons du soleil, lui dit-il, font pousser les grains du sein de la terre, ainsi doit opérer en nos cœurs l'espérance divine, afin que nos âmes deviennent fortes comme enfin le deviennent les arbres, et que sur les branches solides poussent de belles fleurs.

Le Maître n'ignore pas les choses et les tendances modernes. Voici des paroles qu'on appréciera :

— Lorsqu'il s'agit d'une découverte, faite ou à faire dans le domaine spirituel, les gens haussent les épaules, n'en saisissent pas l'importance. Ils ne sont sensibles qu'à la matérialité.

Ainsi la physionomie générale de la morale bâbie est l'importance qu'elle attache au développement des affections douces et bienveillantes, de l'hospitalité, de la sociabilité et même de la politesse. Elle est basée sur la fraternité des hommes, le règne universel de la paix, de l'amour et de la justice, et sur l'unité de la foi. On peut dire qu'elle cherche à renouveler en une certaine manière le sens chrétien dans cet orient qui, jusqu'ici, lui est resté si réfractaire, et c'est une chose assurément curieuse de rencontrer en Perse des réformateurs sociaux, qui connaissent et partagent les idées occidentales, bien plus, qui mieux que nous apprécient l'influence civilisatrice de certaines inventions, dont les progrès, en Europe même, sont encore très lents.

Ceci m'amène à l'objet proprement dit de cet article.

Béha'oullah, le second chef spirituel de la secte, a laissé plusieurs manuscrits renfermant le résumé de la doctrine bâbie. L'un d'eux, intitulé « Bonnes nouvelles », contient quinze clauses et forme en quelque sorte un programme. On ne sera pas peu surpris sans doute d'en lire la troisième, libellée comme suit :

« 3° Permission à chacun d'étudier les langues « étrangères ainsi que *recommandation de choisir* « *une langue internationale* (*soit une langue déjà* « *existante, soit une langue inventée*) et un alphabet « universel. »

Il y a un légitime étonnement à rencontrer chez les Bâbis une idée qui a tant de mal à s'imposer chez nous. Elle milite incontestablement en leur faveur et donne la juste mesure de leur intellectualité.

J'ignore pour ma part si le Maître de Saint-Jean d'Acre connaît l'Esperanto et s'il serait disposé à en recommander l'étude à ses centaines de milliers de fidèles persans, à ses dizaines de milliers de sectateurs russes et à ses milliers de disciples européens et américains. Mais je me propose en tout cas de lui envoyer cet article, soigneusement encadré de crayon vert, plus *Het Esperanto in tien lessen* de mon modeste ami Witteryck. Je suis persuadé que l'un et l'autre, sauf respect, enchanteront jusqu'au dernier poil de sa barbe blanche !

VIEILHOMME.

## L'Esperanto à L'Etranger.

**France.** Il devient presque banal de parler de la propagande espérantiste qui y a lieu, tant la chose y est pour ainsi dire journalière : ouverture de cours, fondation de groupes sont là-bas choses courantes et tout le monde sait que depuis longtemps ce pays est le grand centre de propagation de l'Esperanto. A *Sotteville-lez-Rouen*, conférence de Mr Cayeux, avec 300 auditeurs, qui ont envoyé séance tenante une adresse de sympathie au Dr Zamenhof. A l'Hôtel de Ville *d'Annecy*, conférence de Mr Boucon, professeur au Lycée, avec cours consécutif. A *Charenton*, Mr Rigoir donne deux cours, dont un cours supérieur. A l'Hôtel de Ville de *Rennes*, conférence de Mr Becé. A *Brest*,

